## Felix Zamenhof.

La 4. decembro iris for el ĉi tiu mondo Felix Zamenhof.

Naskita la 6. novembro 1868. Kiel juna knabo li konatiĝis kun la ideo de sia frato kaj fariĝis baldaŭ ties helpanto. Tiel la aŭtoro de Esperanto havis do iun, kun kiu li povis konversacii en la nova lingvo kaj tiamaniere konvinkiĝi pri la vivebleco de Esperanto. Kiam aperis la unua libro, al kies efektivigo li multe helpis, li donis la unuan puŝon al la propagando. Li okupiĝis pri la administra flanko de la afero; li pakis, adresadis kaj dissendadis laŭ la pene akiritaj adresoj. Al li oni dankas, ke la unua broŝuro tiel rapide kaj tiel efike elflugis en la mondon. Modesta kaj senbrua estis lia helpado!

Lia unua verko „Vizito de la steloj sur la tero" aperis en la unuaj numeroj de la „Nürnberg-a „Esperantisto" en la unuaj jaroj de Esperanto.

Sub la pseŭdonimo „Fez" aŭ „FeZ" li aperigis siajn verkojn, plejparte tre bonhumorajn versaĵojn en „La Revuo", „Esperanto", „Ondo de Daŭgava" (Moskva), „Pola Esperantista" ktp. Aparte aperis la poemeto „Homa Doloro" kaj „Aro da poeziaĵoj".

Li ripozu en paco!

---

Mi konis ĉi tiun modestulon jam de 1912 kaj havis la okazon, ofte esti en lia societo; lastfoje 1929 dum Malfermo de Intern E.-Muzeo en Wien, 1931 en Krakovo dum la Kongreso kaj poste 1932 kiel lia gasto en Varsovio. Ĉiam kun danko pro lia agado por nia Esperanto ni memoru lin!

Al la familio la plej sentoplenan kondolencon!

Por IEMW., AEA. kaj „Internacia Konferenco": Steiner.

**Koran kondolencon**

al s-ano **Ludoviko Kökény** okaze de la morto de lia patro.

**Aleksandro de Szamosfalva,** pensiita ĝendarma inspektoro, mortis 1. de nov. en Magyaróvár. Li naskiĝis en 1849. Sub la pseŭdonimo „Panajott" aperis traduko de „Hungaraj Rakontoj" de Herczeg ĉe Möller & Borel, krome originala novelo „La samovaro" en „Okcidenthungara Stelo" (1912 no. 4).

## El Radio Wien.

Serenaj kaj seriozaj kantoj germanlingvaj kun Esp.-traduko.

En la vico de la Radio-dissendoj el Wien la 13. dec. estis sendata jena programo:

Aktoroj: **Prof: Anton Tausche**
**Aktoro de Burgtheater Hermann Wawra**
**Prof. Otto Schulhof** ĉe la Piano
Reg. kons. Hugo Steiner parolis la enkondukajn kaj interligantajn vortojn.

Prof. **Tausche** recitis unue E.-lingve la tradukon de „Kanto de l' Ligo" de Mozart: „Fratoj, manon donu kore, kaj senzorge, sendolore belan horon festu ni!

Ĉion teran forĵetante, daŭru forte kaj konstante nia bela harmoni'."

Kaj kantis ĝin en germana lingvo.

**Steiner:** „Postmorgaŭ estos la 74 naskiĝtago de nia majstro. Por honori d-ron Zamenhof aktoro de Burgtheater **Hermann Wawra** deklamos en Esp.

„Sub la Verda Standardo".

**Wawra** recitis poste la E.-tekston de „La tilio" de Schubert. La tekston vidu en Internacia Kantaro.

**Tausche** kantis germane kaj poste en Esp. recitis „Revo tra krepusko" de la plej fama nuntempa komponisto Richard Strauss en la traduko de Johann Schröder:

Jen herbejoj en griza lum';
Paliĝis la sun', ekbrilas stel' —
Mi iras nun al belegulin'
Trans la herbejoj krepuskaj jen,
Al ŝia jasmeno-laubo nun
En amolandon tra griza lum'.

Rapide mi ne, ne kuras mi,
Min tiras mola silkruband'
Tra griza lum' al la amoland'
En la bluan lumon ja.
Rapide mi ne, ne kuras mi
Tra griza lum' al la amoland'
En la milda blua lum'.

Sekvis de **Tausche** la germana kanto, poste la Esp.-recitado kaj la germana kanto de la oper-ario „Ho, mia kara vespera stel'" (Vidu „Intern. Kantaro„-n).

Steiner recitis la du unuajn strofojn el la rabotil-kanto el „Malŝparulo" de Raimund en la traduko de Franz Zwach. La teksto enestas la libron „Malŝparulo" el la eldonejo de Hirt-Leipzig.

Ni nur citas la 4. strofon, kiun verkis Nikolaus Hovorka-Wien:

Neniam certe la fratar'
Laciĝos en labor'
Ĉar regas ĝin la ideal'
Fidelo kaj fervor'.
Kaj gloru fine nia kant'
Ke venos la maten',
Je kiu venkos Esperant'
Por la eterna ben'!

Kiel lasta kantis prof. **Tausche** „Knabino, mi amas vin!" el Friederike de nia Franz Lehar, laŭ speciala deziro de l' komponisto. Majstre tradukis la tekston Nikolaus Hovorka:

Knabino, knabino mi amas vin!
Okul' via brilas: vi amas min!
Per sorĉa simpati'
Sole vi, nur vi, vi logas min.
Min ravas tenta, ora am-horizont'
Mi ĉiam kantos; bela la tuta mond'
La montoj arbaraj, la val'
La luno, la najtingal',
Jubi as pri vi,
Kantas kun mi:
Knabino, knabino mi amas vin!
Okul' via brilas: vi amas min.
Vi estas mia amata idol',
Vin mi sopiras dum ĉiu hor',
Por vi nur batas mia kor'!
Knabino, knabino mi amas vin!
Okul' via brilas: vi amas min!
Per sorĉa simpati',
Per miraklo, am-magi',
Knabino, knabino, mi amas vin!

La brilajn serenajn kaj seriozajn kantojn de prof. Tausche aliĝis la nobla recitado kaj eleganta kantado de Burgtheater-aktoro Hermann Wawra.

La „Ho vi potenca, granda mistero-n", bonege recitita de Wawra antaŭiris „Fratoj, manon donu kore!" kiel klara muzika voko al la realigo de la pensoj el la preĝo. Post prezentado de la germana kanto en diversaj specoj, bonege kantitaj de prof. Tausche — de kiuj speciale „La tilio" kaj „Ho, vi kara vespera stel'!" donis ĝuegon pro la nobla kantado kaj klara elparolo — la serena elemento laŭ Viena maniero venis al sia rajto. Hermann Wawra en nobla kaj eleganta maniero kantis la „Rabotilkanton". du strofojn en germana lingvo kaj du en Esp., sambone elparolanta la E.-vortojn kiel antaŭ 9 jaroj dum la prezentado de „Malŝparulo" en XVI. Univ. Kongreso de E. Kaj bonega Esperanto en la disaŭdigo de „Knabino, knabino . . ." de prof. Tausche.

Ambaŭ artistoj montris al la aŭskultantaro kiel belege sonas Esperanto kaj — multaj voĉoj el enlando kaj alilandaro — esperantistoj kaj neesp.-istoj — dankis pro la ĝuoplena duonhoro el Radio-Wien.

Mi persone ĝojas, ke mi sukcesis en la aranĝo de ĉi tiu bela duonhoro je memoro al nia majstro kaj je honoro de l' aŭstria kanto.

**Steiner.**

## Aŭstria Esperanto-Asocio
Wien I Neue Burg, Heldenplatz

La Esperanto-movado **rapide kreskas!** En la lasta jaro la nombro de la organizitaj esperantistoj **altiĝis je 1000** kaj nun estas **entute 3500** . . . en Svedujo.

Ĉu necesas niaj klopodoj koncerne la organizon?

**Organisation.**

Die Neuorganisation macht selbstverständlich für den Anfang einige Schwierigkeiten, die sich aber durch den guten Willen und den samideanen Geist der Gruppenleiter und Funktionäre, sowie auch der Einzelesperantisten im Laufe der allernächsten Zeit behoben sein werden. Wir werden zu der im Mai stattfindenden Internationalen Konferenz bereits als eine starke Organisation beweisen, was für eine Kraft in uns liegt und dass wir allen grossen Anforderungen, die an uns die heutige Zeit stellt, gewachsen sind.

Die Gruppen haben bereits die neuen Verrechnungsdrucksorten und die Anleitungsbestimmungen erhalten und werden gebeten, diesmal bis Ende Jänner die Beiträge und Listen einzusenden.

Die Esperantisten, die nicht in Orten leben, wo sich eine Gruppe befindet, (oder in deren Umgebung) zahlen monatlich um je 20 g weniger (Gruppenbeitrag), wenn sie es nicht vorziehen, sich an eine Gruppe anzuschliessen. Auch diese mögen umgehend sich anmelden!

Für diese Personen wird eine neue Kategorie (g) mit 50 g monatlich geschaffen (AE 11 u. 12/1933). Sie sind gleich der Kat. a) ohne Gruppenmitglied zu sein.

Die Mitglieder der AEA haben eine Ermässigung beim Bezug des Jahrbuches der UEA, bei Bezug von «Esperanto-Genf» und als «Subtenantoj» der UEA. Zirkulare des ĉefdelegito E. G. Bernfeld der UEA gehen den UEA-Mitgliedern zu. Interessenten wollen dasselbe bestellen Wien, I. Czerninplatz 5.

Alle Zahlungen gehen an das Postsparkassenkonto des Ĉefdelegito, die Abrechnungen (in duplo) an uns.

2. Liste der Angemeldeten.

152. P. dro. Norbert Hofer, Stift Heiligenkreuz; 153. Max Krall, 154. Gustav Jurek, 155. Goloversnik Josefa, 156. Rudolf Foltanek, 157. Umschaden Klotilde, 158. Pabisch Mathilde, inst.; 159. Pabisch Maria, poŝtofic.; 160. Leo Groll, ĉiuj Wien (ĉiuj Klubo); 161. Fränzl Wilhelmine, Grafenwörth; 162. Lya Russmayr, poŝtofic., Strasswalchen (Salzb.); 163. prof. Michael Hiessl, Klosterneuburg; 164. reg. kons. lernejinsp. Kamillo Schallert, Linz; 165. Dir. Josef Schamanek, Unt. Tullnerbach; 166. Albr. Reitbauer, Kirchberg am Wechsel; 167. Franz Braun, ĉefadministr., Rodaun (Sos); 168. insp. Heinr. Bausbach, Vassach b. Villach

(V); 169. bu̇rĝlern. dir. Edm. Dittrich, Wien 170. Josef Kugler, poŝtĉefofic.; 171. Johann Mikstätter; 172. Anton Pöschko; 173. Max Linzinger. ofic.; 174. Rosa Küchler. ĉiuj Linz (ĉiuj Linz); 174. Moritz Pollak, Wien (Kl).

**Graz:** E.-Verein für Steiermark Hauptversammlung am 15. Dez. 1933. In der vorhergehenden Leitungssitzung werden 2 Gäste als Mitglieder aufgenommen, 10 Mitg. von der Liste gestrichen und einige zur Streichung vorgemerkt. Ausser Frau Anna Bartel starben im Berichtsjahr die Schwester von Frau Ott und Herr Dr. Heinz Fiby. Bartel teilt die Schaffung einer 40 g-Gruppe durch die Leitung der AEA mit. Dem Zahlmeister wird die Entlastung erteilt und der Vereinsleitung, in die Dir. Horneck als pädagogischer Referent neu berufen wird, der Dank ausgesprochen. Dir. Horneck regt Schaffung einer Jugendgruppe an, die selbstständige Arbeitssitzungen erhält und deren Ziel die Ablegung der staatlichen Prüfung ist. Ing. Schalko wird Propagandareferent; er will namentlich unter Technikern werben. Dr. Biehler.

**Graz.** Komerca E.-lernejo de dir. Horneck faris belan E.-ekspozicion, pri kiu favore raportis la gazetoj.

**Klagenfurt:** Kurso komenciĝis, gvidata de sekr. Müller. Vigla laboro.

**Neumarkt ĉe Salzburg** E.-Kurso komencita de f-ino Russmayer la 8. dec.

**Wien. Kat. Unuiĝo Esp.** aranĝis la 20. dec. kristnaskan festvesperon en sia klubejo, Akademikerheim, Schottenkloster. Reg. kons. Steiner salutis nome de AEA kaj sciigis pri Int. Konferenco dum Pentekosto 1934 en Wien. Sekvis konvenaj prelegoj kaj paroladoj. Speciale ĝojigis la melodramo „Kristnaskaj sonoriloj“ de Walter Mudrak. Fine estis granda surprizo: Baronino Sidi Scherpon disdonis kiel kristinfano la donacojn. Ĉu ĉiuj estis bonaj infanoj kaj meritis la donacojn, restu sekreto! Sed ni ja scias, la kristinfano estas tre indulgema kaj pardonema. Post reciprokaj bondeziroj por la novjaro oni disiris bonhumore kaj esperplene pri la estonteco.

L. Si.

---

**Esperanto-Klub:** Zusammenkünfte (Unterhaltung und Uebung) jeden Donnerstag 19·30 Uhr im Kaffee Industriepalast, Wien, I. Dominikanerbastei 22; nur am 8. Februar: Unterhaltungsabend im Kaffee Siller (Siehe Titelseite!).

---

## Zamenhof-memorfesto.

„Zamenhof“-grupo aranĝis en sia grupejo, Café Theresienbad, Wien, XII., Schönbrunnerstrasse 271 bonegan feston je memoro de nia majstro.

Malfermis la grupestro Hans Aitzinger per koraj vortoj; sekvis salutvortoj de Unio-prez. dir. Rud. Kaftan, poste „Al naskiĝtago de Zamenhof“, recitita de Fr. Vasta. La festparoladon faris en eleganta maniero Alfred Schauhuber. Post recito de „La vojo“ de Erwin Böhm voĉlegis en belega Esperanto Eduard Sykora „Rememoroj pri Zamenhof“, verkita de nekonata rusa samideano. Post recitaĵo de Hans Scholtz, Oskar Zimmermann parolis pri „Zamenhofaj pensoj pri E.-amikoj“. Sekvis „Kunlaboro“, simbola ludo de Walter Mudrak bonege prezentita de f-inoj Poldi Fida, Mizzi Kolar, Mary Lippert kaj Sidi Scherpon. Nia himno, ĥore parolita, finis la vere belan kaj multnombre vizititan festvesperon!

St.

## Pri neceso varbadi amikojn de Esperanto

(Eksterordinarajn membrojn)

Farante meditadon pri la aranĝo de Esperanto-Kursoj de pasintaj jaroj mi devas konstati, ke baldaŭ post komenco de kursoj certa nombro da partoprenantoj pro iaj kaŭzoj perdiĝas. Poste aliaj forrestas kaj el la malmultaj restantoj, kiuj efektive finas la kurson, nur kelkaj aliĝas al ekzistanta klubo.

Ĉu nun ĉiuj la forrestintoj fariĝis indiferentaj aŭ eĉ malamikaj? Tute ne, sed tamen ili ofte ne plu estas atingeblaj.

Tia stato devu ĉesi.

Ni esperantistoj ĉiuj havas laŭgrade malmultajn aŭ multajn amikojn kaj konatulojn. Se ni nombrus ilin, ĉiu el ni certe trovus minimumon da kvindek. Inter ili estas verŝajne kelkaj, eble eĉ multaj, kiuj emas al nia movado kaj estas pretaj ĝin subteni. Sed ili ne volas aŭ ne povas lerni Esperanton, ne disponas pri tempo, vizitas fakajn kursojn, estas tro sportemaj, jam sufiĉe lernis, sentas tro aĝaj ktp. Tamen ili estas amikoj. Tiu emo de la amikoj tiaj ĝis nun ne estas plene eluzita.

Ankaŭ tia stato devu ĉesi.

Depost jaroj la demando pri disvastigo daŭre okupadas la cerbojn de niaj gvidantaj membroj. Kaj ĉiuj samideanoj alportadas novajn ideojn, novajn projektojn, estas ĉiam helpemaj, oferas horojn kaj horojn kaj monon kaj pagas, pagadas ofte multe pli multe ol la devo kiel membro de ili postulas.

Ankaŭ tia stato aliiĝu. — — — Sed kiel? — — — Eblecoj estas multaj.

Vojon nur unun mi volas montri:

Varbu inter viaj amikoj kaj konatuloj almenaŭ dek kiel eksterordinarajn membrojn.

Gajnigu ĉe kursoj jam dum la tria leciono ĉiujn kiel ordinarajn aŭ eksterordinarajn membrojn.

Serĉu en via memoro senlace Esperantoamikojn kaj penu ilin regajni.

Portu ĉiam ĉe vi la germane skribitajn aliĝilojn kaj alprenu tuj la ceditan oferon.

Nia plej grava tasko por la estonto estu: varbado de eksterordinaraj membroj, amikoj de Esperanto, kiuj per pago jara de unu aŭ pli da ŝilingoj liveru al ni la bazon por propagando.

Ĉu tiu vere estas malfacila? Ĉu estas neeble? Kion ĝi bezonas? Nur tion, kion posedas ĉiu celkonscia samideano:

Kuraĝon, persistemon kaj volon

O. Zimmermann, kasisto de la Unio.

---

Solena instalo de nia samideano P. Georg Plank kiel ordenestro kaj paroĥestro de la preĝejo Sankta Karlo en Wien okazis la 26. decembro. Posttagmeze estis en la magistrata domo de la 14. distrikto salutsolenaĵo. Ambaŭ aranĝojn partoprenis kalk. kons. Frey kiel reprezentanto de AEA. Mi bedaŭre estis malhelpata partopreni.

Koran gratulon: Steiner

---

Laŭ via informo vi aliĝis al la organizo en la kategorio I, II, III, IV, V, VI, VII. Vi ne skribis kategorion.

Vi pagos g pomonate al via grupo, al UEA-ĉefdel. Bernfeld (se vi ne apartenas al grupo). Poŝtŝparkasenpagilon vi ricevos.

Se ni eraris, korektu nin!

Vi ne aliĝis, tial bonvolu tuj sendi per aldonita enpagilo vian abonon ĝis S

Plenumu afable tuj nian peton! Helpu nin!

## Rimarkindaj presaĵoj

**Eldonejo Hispana E-Asocio, Madrid.** **„Santander"**, gvidlibro, aranĝita, tradukita kaj verkita de Julio Mangada Rosenörn, eld. de HEA dank' al monhelpo de Nacia Patronaro por Turismo, 1933.

Tiu ĉi vere bela, eleganta, 130 paĝa gvidlibro tra Santander, ĉefurbo de samnoma provinco, montras en 113 belaj bildoj multan vidindon. Bonega Esperanto de Mangada Rosenörn, belega preso sur bona papero. Salutinda kaj imitinda ĉi tiu eldonaĵo.

Steiner.

**„Alvenu Regno Via, la reĝo de vero kaj vivo: sankteco kaj graco; justeco, amo kaj paco".** Kun tiu inskribo aperis ĉe la Pastroj de la S. Koraj, Gimneken, Nederlando, Sanktul-karto kun E-stelo. Po peco 3 ned. cendojn.

**„Mondosteno"**, la plej klara, mallonga kaj facila stenografio esperanta, originale verkita de Max Mayr, Reichertshausen, Post Au-Hallertau, Bayern.

La sistemo malgraŭ sia titolo ne ŝajnas originala, sed aranĝita laŭ germana stenografio vokalskriba. La signoj por konsonantoj estas malsuprenstrekoj kaj horizontalstrekoj. Sed ne ĉiuj signoj estas bone elektitaj laŭ la principoj de ofteco kaj ligebleco. Tamen la kunligado estas vere simpla kaj la formoj estas **relative mallongaj**. Personoj, kiuj ne scipovas alian **stenografion**, povus rapide kaj facile uzi tiun sistemon, almenaŭ por la tiel nomita „koresponda skribo." E. W.

**Eld. Soc. Esperanto, Stockholm.** **Selma Lagerlöf:** „La mono de Sinjoro Arne", 110 pĝ., prezo broŝ. sved. kr. 1.50; 1933.

Selma Lagerlöf, la plej fama sveda verkistino, distingiĝas per sia stilo neordinara. Temas pri rakonto el la 16. jarcento. La enhavon ni ne rakontu, ni nur volas akcenti ke ĝi estas pli tipa por la verkado de Lagerlöf ol la unua verko, kiu aperis en E, „La junulino el Stormyr".

La tradukon faris la bone konata sveda verkisto Stellan Engholm.

La kovrilo estas desegnita speciale por la E-eldono de sveda artisto.

**Sennacieca Asocio Tutmonda-Paris.** **„Komentoj al la Komunista Manifesto"**, trad. el la angla kaj kompilis T.Veder. 56 pĝ., prezo 3.50 fr. fr. — La libreto krom enkonduko ampleksas tri tekstojn: la en la titolo nomitan, kies aŭtoro estas d-ro Leon, poste la antaŭparolon de la manifesto de Engels kaj artikolon de Arnold Peterson kun la surskribo „Ĉiun potencon al la socialista Industria unuiĝo". La du usonaj aŭtoroj asertas, ke Engel per la vorto „komunismo" celis la ideon de nuna socialismo, ĉar liatempe oni nomis nur utopistajn grupojn „socialistoj", plue ili konstatis ke sovetoj ne taŭgas por plene industriiĝintaj ŝtatoj kiel la respublikoj de USA. Ambaŭ eldiroj pli malpli nur interesos kredantojn; alipensanto restos indiferenta koncerne ilin. Laŭdinda estas la relative bona stilo de la verko, precipe de la enkonduko, kies kelkaj esprimoj eĉ ekaŭskultigos la leganton (nuntempigi, mantelumi, fingromontri per piednoto). Grave malkorektaj estas la esprimoj „dum" anst. „kiom longe" kaj „fare de" anst. „per". Kiel strangaĵon mi citu jenan eldiron — — pri kiu cetere kulpas Engels — —: „La germanaj represaĵoj (de la manifesto) ne estas nombreblaj, tie estas almenaŭ dekdu entute". Mi esperas, ke socialistoj scipovas nombri plien ol ĝis dek. D-ro Biehler.

**Eld. G. F. Callenbach, Nukeze, Nederl.** **„Jaĉjo Holm kaj liaj amikoj"**, verkita de C. van de Hulst. Trad. de H. C. van Leeuwen; 235 pĝ. kun ilustraĵoj Prezo ne montrita. —

La aŭtoro priskribas la „maldolĉan jaron" de la familio Holm, mizeriĝinta kaj suspektata de la najbaroj. Krome ĝi bele karakterizas la amikojn de Jaĉjo Holm: la kuracistfilon Kes Kolard, ties fratinon Tos, la dikulon Tom kaj la iom malbonkarakterajn kunulojn Gerrit kaj Laŭ. Aliaj bone cizitaj figuroj estas la „Mastro Grumblulo", kiu igis min pensi al la giganto en konata fabelo de Wilde, kaj la maljuna servistino Jana Ke. Juna Holm regajnas sian reputacion per bonfara flegado de vundita kato kaj per savo de drononta kunulo Laŭ; tiel li pentofaras por malkuraĝeco rilate sian amikon

Kes. El la ceteraj familianoj de Holm mi menciu la pian patrinon kaj malgrandan Benjon. Karakterizaj priskriboj pentras agadon de la glacikampbalai toj sur Ruĝa Kanalo, la ludojn de la knaboj, lernejan scenon ktp.

La stilo de la verko entute estas bona, sentiĝas nur precipe ioma trouzo de pri (post „forgesi" „pripensi") kaj de postprepozicia akuzativo; krome mi notis: ŝarĝi pafilon (anst. ŝargi), enpoŝi (anst. enpoŝigi) ruĝiĝi (fariĝi ruĝega), ŝoviĝita (-inta), superflue (riĉege), ekĉesi fervoron (-igi), bonguste formanĝi (kun apetito), fiksita sur li (sin pĝ. 169), Jaĉjon li donis piedfrapon (la uzo de du akuzativoj estas malpermesita), bati fajron (eligi), ekridado (kio estas neeblaĵo), laclaborita (laborlaciĝinta), singarda (Gardu vin!). Malbela estas la infinitiv-konstrukcio: Montriĝis esti . . . La esprimoj: liegaĵo (ĉu: Tuchent?), puŝveturilo (Schubkarren) estas diskuteblaj. Rilate la popolkantojn, kelkajn ludojn kaj precipe nomojn oni kelkfoje deziras aldonitan noton.

Junuloj esperantistaj ĝoju, ĉar pro la traduko de la flandra libro ili povas akiri belan, bonan kaj interesan legaĵon

Dro Biehler.

**„La vilaĝo sufokas la urbon"**, de Alm Nurholm. Eld. de l' aŭtoro, 1931. La tendenco de ĉi-libro estas batalo kontraŭ la venonta generacio. Virino ne nasku pli ol maksimume du infanojn aŭ estu konsiderata kiel krimulino (pĝ 15). Per tiaj rimedoj la aŭtoro opinias sin kapabla savi la vilaĝanojn, asertante, ke tiamaniere ili nur imitus la saĝan prudentemon de urbaj sinjorinoj. Certe estas devo, ne enmoadigi la duoblon de la idaro, kiun oni povus prizorgi. Sed nacio, kiu preskaŭ leĝe malebligas la kreskadon de sia popolo, nepre iom post iom malaperos kaj danĝera estas la deziresprimo, kiun mi iam legis post fino de la milito: „Reviviĝu denove, Herodes la infanoj pereigas nin". — La stilo de la libro certe ne estas malbona. Kiel gravajn erarojn mi notis p. 6 krei anst. naski, p. 15 naskita anst. naskinta kaj senprizorgita (senprizorga). Bedaŭrinde mi ne konas la naciecon de la aŭtoro, sed pensas, ke li estas balto.

Dro Biehler.

**Arbeiter-Esperanto-Bund, Berlin.** „Was wir in — Sowjetrußland — erlebten". La 16-pĝ. broŝureto raportas germanlingve pri spertoj en USSR. Vort-atakoj kontraŭ nelaboristaj instituciioj kaj kutimoj (en preĝejo, la troa flegado de dombestoj) ne evitataj. Precipan intereson meritas la raportoj pri la edukado de infanoj morale endanĝeriĝintaj, pri la fabriko 61 kaj la socialista urbo Elektropolis. Krome la rimarkoj pri la civilizado pere de traktoroj kaj la priskribo de Lenina kulto (oni pensas al diigo de Racio dum la franca Revolucio) trovos atentemajn legantojn. La verketo ankaŭ varbas por E en laboristaj rondoj kaj pro tio ankaŭ ni salutas ĝian aperon.

D-ro Biehler

---

Profesor-kandidato Mihálcsik András, Budapest, VIII, Üllöi ut 20 deziras korespondi kun profesoro, pedagogo aŭ pastro.

---

**Kunvenoj de esperantistoj.**
**Zusammenkünfte der Esperantisten.**

**Baden:** N. Pronay, Bahngasse 2.

**Braunau** a. I.; Haselbauer, Linzerstr. 7/II.

**Graz.**

E-Verein für Steiermark, Schönaugasse 6/II, Heim: Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

E-Verein „Em. Peltier", Sackstr. 16/II, Mo (l) 20 h.

**Gr. Sieghart**s: Portier Novotny, Fabrik.

**Innsbruck:** Hotel Grüner Baum, Museumstr. 25, Do (j), 20 h.

**Klagenfurt:** Elektrizitätswerke.

**Linz:** Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Mattighofen:** S-ro R. Ulbrich.

**Salzburg:**

E-Grupo: Gastejo Schwarzes Rössel, Berggasse, Mi (mk) 20 h.

E-Grupo „Estonteco", prez. Kaps, Dreifaltigkeitsgasse 14.

**Sigmundsherberg:** Schule, Fr (v) 20 h.

**Steyr:** Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wels:** Kat E-grupo „Frateco", Wagnleitner, Bernhardin Baug. 110.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (mk) 18—20 h.

E-Org. de Oficĥavantoj, IV. Schäffergasse 3, Mag. Bez.-Amt, ĉiutage esc. sabate; 19 h.

D-ro Sos-Grupo, IV. sama ejo, Fr. (v.) 19 h.

E-Soc. Danubio: VII Kafejo Egckher, Lerchenfelderstraße 23 Mi (l) 19 h.

E-Rondo „Kolonelo Zwach' ĉe Stafa, VII. Mariahilferstr. 120 Di (m), 16-18 h.

Koloman Kalocsay-Grupo ĉe s-ro Hovorka, IX. Löblichgasse 3, Mi (mk) 19 h.

„Zamenhof-Gruppe", XII., Schönbrunnerstr. 271. Café Theresienbad, Do (j), 19 h.

Libera E-Rondo „Verda Angulo", kafejo Hrdy, XVI. Ottakringerstr. 119: Mi (mk) 20-22 h.

Esp.-societo „Fideleco", Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.